# INTERNACIA FERVOJISTO




**ORGANO DE I.F.E.F.**

**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO**

30a jaro | Julio-Aŭgusto 1978 | N-ro 4



TURKU (Finnlando), kongresurbo de la 31-a IFEF-kongreso.



La Rektega Vojo inter ROMO kaj FLORENCO
(Fakprelego de la 30-a IFEF-kongreso)

(tiun foton disponigis la Dokumenta Servo de F.S.)

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO - FEDERACIO

Sekretariejo: E. Kruse, Wienerstr.121, D-6000 Frankfurt/Main 70 - GERMANIO
Redaktoro: Guy Delaquaize, 52,rue L.-Gandillet, 78420 Carrières/Seine, FRANCIO
Bankkonto: Provinsbanken, konto 7353-350550 - DK 9800Hjørring - DANIO

## LA 30-a IFEF-KONGRESO

Resumo kaj komentario pri la jarraporoj de la landaj asocioj de
INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO FEDERACIO
pri la jaro 1977

Nur je la 15-a de aprilo mi ricevis la jarraporton de Hispanio. Mi tute ne ricevis la raportojn de Britio kaj Rumanio. Mi volas rimarkigi, ke estas nur kelkaj, kiuj respektis la limdaton (28-an de februaro): je tiu dato estis en miaj manoj 4 (kvar!) jarraportoj! (inter kiuj: Japanio).

Nun sekvas la resumo de entute 16 jarraportoj.

21. Landaj estraroj, funkciuloj kaj membraro.
Nomoj kaj adresoj de ĉiuj funkciuloj estas gravaj por kompili ĝisdatan adresaron de niaj landaj kunlaborantoj.
La nombro de la membraro ĉiam ne atingis 3000. Bedaŭrinde ni nun ankaŭ perdis nian membronombron en Bulgario. Cetere mi denove konstatis, ke fakte la tuto de la membraro de niaj unuopaj landoj estas pli ol 4000, sed pro diversaj kaŭzoj oni nur pagas al IFEF por proksimume 2600 membroj.

23. Rilatoj kun instancoj kaj aŭtoritatoj.

23.1. En kelkaj landoj (Belgio, Danlando, Francio) la kontaktoj okazas pere de FISAIC-sekcioj. Bonaj rilatoj, rektaj, ekzistas en: Aŭstrio, Ĉeĥoslovakio, Hungario, Italio kaj Nederlando. En la aliaj landoj la kontaktoj estas maloftaj, tute ne aŭ depende de lokaj cirkonstancoj (Germanio k.a.).

23.2. La rilatoj kun la sindikatoj estas bonaj en: Germanio, Hungario, Italio, Jugoslavio kaj Svislando. Ofte estas nur unu aŭ du el multaj sindikatoj kun kiuj ekzistas rilatoj. Tute ne ekzistas rilatoj en Ĉeĥoslovakio, Danlando, Finnlando, Hispanio, Japanio kaj Svedio.

23.3. Ĝojige estas ke en tiom da landoj ekzistas bonaj aŭ eĉ ofte bonegaj rilatoj kun la landaj FISAIC-sekcioj: Aŭstrio, Danlando, Finnlando, Germanio, Hungario, Italio, Jugoslavio, Francio, Nederlando, Norvegio, Svedio kaj Svislando. Aparte mencinde estas ke ankaŭ en Belgio la rilatoj denove evoluas en bona direkto.

24. Rilatoj al aliaj Esperanto-organizaĵoj.
Escepte en Japanio kaj Svedio ekzistas bonaj rilatoj kun aliaj Esp.-organizaĵoj en la koncerna lando. Ofte oni organizas komunajn kunvenojn k.t.p.

25. Informado en plej vasta senco.

25.2.0. Publikigo de gazetartikoloj: Preskaŭ ĉiuj landoj sukcesis aperigi pli aŭ malpli da artikoloj en fakajn kaj ankaŭ en aliajn gazetojn. Respondis per "tute ne" nur Hispanio, Japanio kaj Norvegio.

25.2.01. Aplikado de la gazetara servo. Preskaŭ ĉiuj landoj uzis la kongres-gazetaran servon por verki artikolon aŭ informi aliajn instancojn.

25.2.02. Rimarkoj pri la gazetara servo.
La plimulto simple respondis: neniuj rimarkoj, sed estas kelkaj,

kiuj akcente laŭdas la aperigadon: Hungario, Francio kaj Nederlando.

25.2.03. Aplikado de la kongresa rezolucio.
Estis nur kelkaj landoj, kiuj vere uzis la kongresrezolucion: tradukis ĝin kaj sendis ĝin al diversaj instancoj. En tiu kazo la instancoj plej ofte tute ne reagis!

25.2.1. Publikigo de la faka prelego.
Ĉifoje 12 landoj respondis per la kompletigo de la tabelo en la "Demandilo". La publikigado de la prelego ne estas vasta. En multaj landoj fakaj revuoj mencias ĝin. En Germanio multaj instancoj ricevis la germanlingvan tekston, ekz. la dokumenta arkivo de DB kaj la fervojaj lernejoj ĉe DB.

25.2.1.1. Aliaj fakprelegoj.
Fakprelegojn dum kongresoj aŭ specialaj kunvenoj mencias: Ĉeĥoslovakio, Germanio, Hungario, Jugoslavio kaj Svislando.

25.2.2. Agadraportoj al fervojaj instancoj/sindikatoj.
Regule raportas rekte al la fervoja instanco: Hungario, Italio, Japanio kaj Norvegio; pere de la FISAIC-sekcio raportas: Belgio, Danlando, Francio kaj Nederlando. La aliaj landoj sendas neregule iom da informoj aŭ tute neniam.

25.2.3. Informado en la deĵorejoj.
Estas nur kelkaj landoj, kiuj respondis, ke okazas nenio: Belgio, Japanio kaj Norvegio. En la aliaj landoj oni minimume en kelkaj ĉefaj stacioj kaj deĵorejoj de tempo al tempo informas per murkestoj, gazetoj aŭ afiŝoj.

25.2.4. Agado pere de radio aŭ televido.
Pri radio-dissendoj raportas: Aŭstrio, Germanio, Hungario, Jugoslavio, kaj pri televido nur Germanio.

25.3. Ekspozicioj.
Ekspozicioj kaj/aŭ informstandoj helpis informi pri nia agado en la landoj: Aŭstrio, Danlando, Francio, Germanio, Hispanio, Hungario, Italio, Nederlando, Norvegio kaj Svedio. - Pri la sukceso oni ne povas diri multe (apenaŭ mezurabla).

25.4. Distribuado de varbiloj.
Preskaŭ ĉiuj niaj landaj asocioj iel distribuis varbilojn, broŝurojn, libretojn k.t.p. Ege aktivaj estas laŭ la raportoj: Danlando, Germanio, Francio kaj Svislando.

25.5. Jarkunvenoj.
En ĉiuj landoj okazis jarkunvenoj! Multaj kune kun aliaj landaj Esp.-organizajoj; la du landaj asocioj BEFA kaj FERN jam de kelkaj jaroj komune organizas la jarkunvenon. Tiel oni povas atingi pli grandan nombron da vizitantoj. Nur la plej grandaj ne bezonas la kunlaboron de aliaj: Germanio kun 150, Jugoslavio kun 200 kaj Francio kun 100 partoprenantoj. Por Belgio estis la jubilea (25 jaroj) jarkunveno festita en Mechelen kun diversaj oficialaj gastoj.

26. Junularo.
Nur Germanio, Italio kaj Jugoslavio nomas respondeculon por la junulara aktiveco. Germanio preparis la organizadon de skisemajno en Grainau. Jugoslavio fondis la junular-grupon dum la jarkunveno.

27. Varbado.
Nur kelkaj landoj en la jarraporto pritraktas la programerojn el la raporto de kgo Robiolle en I.F. n-ro 4/77. Aliaj ripetas kiom da faldfolioj k.t.p. ili dissendis aŭ preparis. Mi esperas, ke ĉiuj landoj rekte raportis al s-ro Ro-

biolle kiel demandite.

28. Terminara laboro.
Klare estas ke dum la pasinta jaro la aktiveco por la terminara laboro ege pligrandiĝis. Kgo. Hartig en Germanio regule aperigis la t.n. "Terminara Kuriero" en kiu ĉiuj kunlaborantoj povas legi la progresojn en la laboro. Dum la jaro 1977 okazis du interkongresaj kunvenoj nome en Amsterdam kaj Bennekom (NL) en kiuj partoprenis T.K.-kunlaborantoj el: Germanio, Francio, Belgio, Nederlando kaj Finnlando. En la diversaj landoj la stato nun estas:

Aŭstrio: nenio aktiveco.
Belgio: aktive kunlaboras en la traduko de UIC-leksikono.
Ĉeĥoslovakio: ege aktive kunlaboras en la traduko de UIC-leksikono.
Danlando: neniu aktiveco.
Finnlando: ege aktive kunlaboras en la traduko de UIC-leksikono.
Francio: kunlaboras aktive en la traduko de UIC-leksikono kaj ankaŭ pri la franca-esperanta terminareto.
Germanio: daŭra aktiva kunlaboro en la traduklaboro: eldono de Term. Kuriero.
Hispanio: kunlaboras en T.K.-programo; laboras de tempo al tempo pri la terminareto.
Hungario: aktive kunlaboras en la traduko de UIC-leksikono.
Italio: aktivecoj nuntempe stagnas.
Japanio: ĝis nun neniu aktiveco.
Jugoslavio: kunlaboras en la traduk- kaj recenzlaboro pri UIC-leksikono.
Nederlando: aktive kunlaboras pri la traduklaboro pri la UIC-leksikono.
Norvegio: neniu aktiveco.
Svedio: multe da aktiveco flanke de la kgo. Harry Bengtsson, kiu faris neimageblan kvanton da laboro pri la traduko de la UIC-leksikono.
Svislando: unu aktivulo kunlaboras kun kgo. Blondeaux en Francio.

101. Diversaĵoj.
Belgio: Bona kunlaboro kun BEF kaj SAT-amikaro en organizado de Zamenhof-tago.
Finnlando: jam komenciĝas la preparlaboroj por la 31-a IFEF-kongreso en Turku.
Hispanio: kunlaboro en la Hispana Esperanto Kongreso.
Hungario: "Fervojista Tago" en Szombathely kun eksterlandaj gastoj. Traduklaboro por la Trafika Muzeo.
Italio: Manifestacio por Esperanto dum Zamenhof-tago en Venecio. Daŭra laboro por la 30-a IFEF-kongreso.
Japanio: Du reprezentantoj partoprenos la IFEF-kongreson en Romo!
Jugoslavio: kunlaboro kun fervojistoj radioamatoroj kaj la enkonduko per tiu rimedo de Esperanto.
Nederlando: aktiva kunlaboro kun lokaj Esperantogrupoj pri la organizado de Zamenhof-festo k.t.p.
Svislando: la 18-a Eŭropa Ferio Semajno en Wengen estis granda sukceso: partoprenis 111 personoj el 14 landoj.

---

Kaj ĉi tie mi finas la resumadon el 16 jarraportoj.
Mi dankas la raportintojn pro la farita laboro, kaj mi esprimas la esperon, ke vi venontjare plibone respektos la limdaton.

Amsterdam, aprilo 1978 la kompilinto: W. L. van Leeuwen.

## LA 30-a IFEF-KONGRESO

### RAPORTO DE LA VARBADO-INFORMADO KOMISIONO (V.I.K.)

Pasintjare, en Swanwick, ni starigis planon en 7 punktoj. Ĉiuj responsuloj promesis labori por la realigo de tiu plano. Bedaŭrinde, mi ricevis nur 2 koncizajn respondojn kaj kelkajn elementojn ne tradukitajn.

La ĉefa punkto de tiu plano temas pri starigo de dokumentaro, ariganta ĉiujn naciajn informilojn tradukitajn esperantlingve, kompreneble.

Tiu dokumentaro ne celus altrudi tian aŭ tian informilon, sed doni al ĉiuj la eblecon elekti taŭgan materialon inter multaj dokumentoj. Tiamaniere, la landoj, kiuj havas nenion por informi, estus povintaj ĉerpi en tiu informilaro.

Pro manko da materialo mi ne povis starigi tiun (laŭ mi) necesan dokumentaron por taŭga informado.

Dum nia 1-a kunsido ni pritraktis la tri unuajn punktojn de la tagordo.

1) Ĝenerala agado de V.I.K. en ĉiu lando - 11 landoj estas reprezentitaj. Post trarigardo al la ĝenerala agado de tiuj landaj sekcioj, montriĝas ke:

   - pluraj landoj aperigas artikolojn en fervojaj gazetoj, sed ne ĉiuj posedas taŭgajn informilojn por sendi al la interesitoj, kiuj petas informojn post legado de tiaj artikoloj,

   - kelkaj landoj daŭrigas la varbadon per persona kontakto.

   - aliaj uzas komunajn informilojn de la landa sekcio de UEA aŭ de SAT, sed iu rimarkigas, ke tiaj informiloj ne ŝajnas taŭgaj por fervojistoj,

   - ankaŭ kelkaj landoj prezentas ekspozicion.

2) Rezultoj pri la agado-plano starigita en 1977. Laŭ la ĉeestantoj, ŝajnas ke ĉi tiun jaron, la rezulto ne estas mirinda, pli simple ĝi estas preskaŭ nulo.

3) Diskuto pri la diversaj punktoj de nia agado-plano. Ĉar la rezultoj estas tre malgrandaj, la diskuto de tiu punkto estas mallongigita.

2.a kunsido - Post interŝanĝo da lokaj spertoj oni povas diri, ke ĉiuj ĉeestantoj ne estas komisiitaj de sia lando, kaj pli grava estas la fakto, ke en pluraj landoj - eĉ inter la plej gravaj sekcioj de IFEF - oni ne nomis responsulon por tiu komisiono. Oni ankaŭ bedaŭras, ke la duono de la responsuloj ŝanĝiĝas ĉiujare. Tiamaniere ili ne povas pozitive plenumi siajn taskojn. Ŝajnas, ke la celo de tiu Varbado-Informado Komisiono ne estas bone komprenita de ĉiuj. Tiu celo estas resume:

Montri kion oni povas fari:
- por diskonigi Esperanton,
- por larĝe informi la interesitojn,
- por aliĝigi novajn membrojn,
- por konservi tiujn membrojn meze de niaj rondoj,
- por pli efike agi kunligante niajn spertojn, niajn klopodojn kaj niajn fortojn.

En tiu 2-a kunsido ni diskutis pri la intereso de la Radio-Amatoroj, kiuj decidis starigi Esperanto-grupon en Francio, kaj tre grava fakto por ni estas, ke ili intencas enkonduki nian lingvon en tiun fakon sur la internacia tereno, t.e. oficialigi Esperanton

ĉe la Radio-Amatoroj. Grava diskuto okazos en oktobro pri tio dum ilia internacia kongreso en Ostende.

Ĉele interrilaton kun la eksterlandaj responsuloj ĉe la fervojistaj Radio-Amatoroj, la ĉeestantoj de la komisiono sendi al mi nomon kaj adreson de la responsulo pri la fervojistoj/Radio-Amatoroj en sia propra lando.

La 6-a punkto de nia agado-plano temas pri "studo de komuna agado cele starigi Esperanto-Tagon". Tio estas en la sama horo en ĉiuj urboj de ĉiuj landoj, en stacidomoj, en trajnoj, sur-strate, oni abunde disdonus flugfoliojn por altiri la atenton de ĵurnalistoj, radio, televido, k.t.p. Tiaj agadoj necesigos la kunlaboron de Esperanto-organizaĵoj. Tiu punkto estos esplorita dum la jaro, por ke ni povu diskuti la diversajn eblojn cele pritrakti la starigon de tia tago en 1979. (Tiu agado-plano estis aprobita de ĉiuj en Swanwick).

Nur en Francio oni prizorgis tiun punkton. Do, konsekvence, tiu internacia manifestacio ne okazos.

4-a punkto de nia tagordo - "Starigo de agado-plano por 1979" - Ĉar fakte preskaŭ nenio estis farita rilate al la agado-plano starigita en Swanwick, oni tute simple konsideras ĝin kiel planon por 1979.

Kiel anoncite en Swanwick, la nuna responsulo de V.I.K. ne plu povas gvidi tiun komisionon pro multaj aliaj taskoj.

Post esplorado kaj longtempa diskuto neniu anstataŭanto sin proponas, kaj kvankam ĉiuj alte taksas la neceson de tiu varbado-komisiono, ĝi provizore ne plu funkcios, ĝis kiam iu persono konsentos transpreni tiujn taskojn.

*

Fine, mi volas aldoni al tiu raporto kelkajn personajn rimarkojn:

Mi kore dankas la kolegojn, kiuj kunlaboris al tiu komisiono starigita en Villach. Bedaŭrinde ni ne atingis la rezultojn, kiujn mi esperis.

La ĉefa kialo estas, ke multaj landaj sekcioj de IFEF tute ne konscias pri la neceso grandskale informi por varbi kelkajn membrojn.

Mi, laŭ mia propra sperto, estas konvinkita, ke informado kaj varbado devas esti la plej gravaj el niaj taskoj.

La gvidanto de V.I.K.

P. Robiolle.

---

KONGRES-LIBRO

Mi havas ankoraŭ kelkajn ekzemplerojn de la "Kongresa Libro" de la 30-a IFEF-Kongreso en Roma. Bibliotekoj, kluboj kaj interesuloj sin turni al mi, sendante nur la sendelspezojn.

Same mi povas liveri al interesuloj bildkartojn, glumarkojn kaj ekzemplerojn de la porokazaj poŝtstampoj de la sama kongreso. La prezoj estos: bildkartoj po 150 liroj, glumarkoj po 50 liroj, poŝtstampo po 500 liroj plus sendkosto.

Adreso: P.i. Germano Gimelli, Via Donato Cretreti, n-ro 61,
I-40128 Bologna (Italio).

## LA 30-a IFEF-KONGRESO

### PAROLANTOJ DUM LA SOLENA INAŬGURO DE LA KONGRESO

1) D-ro Alberto MENABENE - prezidanto de la Loka Kongresa Komitato.

2) S-ro Friedrich KNOP - ĝenerala sekretario de FISAIC (Internacia Federacio de Societoj de Intelektaj kaj Artaj Fervojistoj).

3) D-ro Maio CAVANI - prezidanto de la Roma Fervojista Postlabora Ejo (Dopolavoro Ferroviario di Roma).

4) Senatano Alberto DEL NERO - prezidanto de la Parlamenta Grupo "Amikoj de Esperanto".

5) D-ro Giovanni ROMANO - ĉefo de la Centra Oficejo de la Fervojista Postlaboro (Direzione Generale delle F.S.-Ufficio Centrale D.L.F.).

6) D-ro inĝ. Francesco MONOPOLI - direktoro de la Servo Ĝeneralaj Aferoj de la Ŝtataj Fervojoj, reprezentanto de la Ĝenerala Direktoro D-ro Ercole SEMENZA.

7) D-ro Alberto CIAMBRICCO - ĉefo de la Oficejo Instancaj Rilatoj de la Ŝtataj Fervojoj kaj direktoro de la Revuo "Voci Della Rotaia".

Dum la paŭzo de la inaŭguro ludis teatraĵeton la knaboj de la elementa lernejo "Oltresavio" el Cesena (Romagna Regiono).

La luksaj ŝildoj pretigitaj tiuokaze estis oficiale kaj solene donitaj al s-ro Knop, fare de d-ro inĝ. Monopoli, al nia IFEF-prezidanto s-ro Giessner, fare de d-ro Romano kaj al senatano Del Nero, fare de d-ro Ciambricco.

Dum la teatra vespero en la belega teatro "Universal", ludis:

1) la geknaboj de Cesena, du teatrajetojn - "Mi foriras kun la katoj" de Gianni Rodari, "La jaro" (La Giara) de la fama Nobel-premiito Luigi Pirandello, kaj kelkajn kanzonojn inter kiuj "Amiko", sub la gvidado de prof. Gianfranca Taddei kaj de aliaj geinstruistoj.

2) la "akordiona" ensemblo de "Dopolavoro Ferroviario" gvidata de Majstro Modesto Ricchi. La ensemblo ludis tri simfoniojn.

3) Gianfranko MOLLE, kiu kantis du kanzonojn de li muzikitajn. La dua "La Vojo" estas laŭ vortoj de la konata poeto (li diris) d-ro Lazaro Ludoviko Zamenhof.

Gimelli.






# LA 30-a IFEF-KONGRESO

## KONGRESO DE TURISMO

Se ni retrospektive rigardas nian 30-an IFEF-kongreson en Romo, ni povas diri, ke la turisma aspekto estis ĝis certa grado superrega.

Per tio mi ne volas subtaksi la gravan kaj penan laboron en komisionoj kaj komitato, nek deziras mi preter-vidi la gravan laboron pri faka prelego, nek la signifon kaj valoron por la plua evoluo de la itala Esperanto-movado ĝenerale, sed mi eble povas aserteti, ke la turisma parto de la kongreso estis la plej profesia parto.

Kaj ne mirinde. Ĉar ĝi estis aranĝita de profesiuloj, nome de "CIT".

Jam dimanĉe ni estis veturigataj tra la urbo, dum kiu ekskurso ni gustumis kelkajn el la plej famaj vidindaĵoj de la "eterna urbo".

La itala lingvo estas bela - tion ni multfoje spertis. Ne nur surstrate, sed ankaŭ dum ekskursoj, dum kiuj ni ofte devis aŭskulti sufiĉe longan klarigon fare de la gvidisto antaŭ ol ni ricevis resumon en la internacia lingvo. Pripensu tion, venontaj LKK-oj, ke eventuala nacilingva klarigo estas bezonata nur al la interpretanto.

La tuta kongresa programo estis tia, ke ni ofte havis okazon fuĝi de kongresejo al la urbo. La urbaj aŭtobusoj preskaŭ senĉese iris (se ne estis trafika kaoso sur la mallarĝaj stratoj).

Kompreneble mi ne mencias iun el la vidindaĵoj, ĉar unue tio estus neebla pro la limigita spaco, kaj due en ĉiu biblioteko vi povas legi dekojn da libroj pri ili.

Unu ekskurso celis la Vatikanajn ĝardenon kaj muzeon. Oni rimarkis la diferencon inter Romo - do Italio - kaj la Vatikana Ŝtato: pli da riĉo, pli da puro, pli da ordo, sed eble malpli da ĉarmo.

Eble ni povas lokigi la internacian balon inter la turismajn eventojn, ĉar ni aŭtobusveturis al diskoteko, kie disko-jokeo aŭskultigis al ni sufiĉe modernajn kaj nefacile danceblajn melodiojn. Tio - kune kun la posta noktokluba aranĝo - iom konigis al ni noktan vivon de Romo.

Du el la anoncitaj tuttagaj ekskursoj okazis: unu al la etruskaj elfosaĵoj kaj alia al Tivoli. Ambaŭ bonege sukcesis.

Plurfoje dum la kongreso LKK-anoj ofertis al ni gvidon dum promenadoj. La postkongreso en Napolo kun ekskursoj al Pompeo, Sorento-duoninsulo kaj Kapreo estis - same kiel la tuta kongreso en Romo - favorata de bona vetero - kaj estis mirinda travivaĵo.

Entute ni povas diri, ke la turismo estis bone flegata dum la 30-a IFEF-kongreso.

eho

## PROVIZORA PROGRAMO DE LA
## 31-a INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-KONGRESO
## en Turku - Finnlando - 15.-21.6.1979

| | |
|---|---|
| Vendredo - 15: | Kunsido IFEF-estraro - LKK<br>Gazetara konferenco<br>Interkonatiĝa vespero |
| Sabato - 16: | Solena malfermo (prezidio de FISAIC ĉeestas)<br>Urba rondveturo<br>Fervojista kulturvespero (VRHH sin prezentas)<br>(FISAIC-bankedo) |
| Dimanĉo - 17: | Ekumena diservo<br>Komitata kunsido (nepublika)<br>Ekskurso al Naantali kaj Kultaranta<br>Internacia balo<br>Antaŭtagmeze ankaŭ vizito al Metiista Muzeo |
| Lundo - 18: | Kunsidoj de komisionoj<br>Fakprelego (en du partoj)<br>Vizito de la Universitato<br>Junulara programo, samtempe TK-kunsido |
| Mardo - 19: | Komitata kunsido (publika)<br>Duontaga ekskurso<br>Arta vespero (kunhelpas E-societo de Turku) |
| Merkredo - 20: | Plena kunsido<br>Kunsidoj de komisionoj<br>Urba akcepto<br>Bankedo aŭ filmvespero |
| Ĵaŭdo - 21: | Tuttaga ekskurso<br>Fermo de la Kongreso |

==========================

## ĜENERALAJ INFORMOJ

Prezoj:

| | | |
|---|---|---|
| - Kongreskotizo | antaŭ 28.2.79 | DEM 50 (aŭ 16 SUR) |
| | post 28.2.79 | DEM 75 (aŭ 24 SUR) |
| (rabatoj laŭ Kongresa Regularo) | | |
| - Ĉambroperado, pagenda ĉe aliĝo: | | DEM 5 |
| - Ĉambroprezoj (inkl. matenmanĝo) | | |
| en somera hotelo (2-litaj) | | FIM 50 je pers/tago |
| en kongres-hotelo (2-litaj) | | FIM 75 " " |
| en kongres-hotelo (1-lita) | | FIM 120 " " |

- Unufoje potage komuna manĝo (lunĉo) je prezo FIM 20. Cetere ordinara restoracio kaj memserva bufedo je dispono en kongresejo.
- Prezoj por ekskursoj kaj evt. bankedo indikotaj pli poste.

- Loĝejo, ekskursoj kaj manĝoj pagotaj surloke en FIM. Antaŭpago eblos pere de interkonsento kun LKK.

Konstanta adreso:
Hämeentie 70 D 63,
SF - 00550 Helsinki,
Finnlando.

Banko:
Union Bank of Finland,
Head Office, Helsinki,
Kontonumero: 31-a IFEF-Kongreso
200062-353465-9

Vojaĝo:

SILJA LINE.
Alveno en Turku plej konvene per ŝipo de Stockholm: daŭro 12 horoj.

| | | |
|---|---|---|
| Dumtaga vojaĝo (sen kajuto), | normala prezo | SEK 75 - FIM 65 |
| | en grupo | SEK 56 - FIM 49 |
| Dumnokta vojaĝo ( " ), | normala prezo | SEK 90 - FIM 80 |
| | en grupo | SEK 68 - FIM 60 |

Por kajutlokoj krompagoj ekde SEK 50 (FIM 45) depende de kategorio.

Grupvojaĝo estos aranĝata far kolego Thuesen (DEFA).

Oni povas ankaŭ rondiri la Botnian margolfon tra la landlimo Haparanda/Tornio, sed tio postulas unu tagnokton pli da vojaĝtempo.

Eblas ankaŭ ŝipvojaĝi de Kopenhago aŭ Travemünde al Helsinki kaj de tie per trajno al Turku. Konsultu vojaĝagentejon.

Inter Stockholm kaj Turku trafikas ankaŭ VIKING LINE, kies prezoj estas iomete pli malaltaj. Konsultu finnlandan horaron.

Novaj internaciaj mallongigoj:

SEK (sveda krono), FIM (finna marko), DEM (okcidentgermana marko)
SUR (soveta rublo).

---

## FERVOJA KORESPONDA SERVO

F.K.S. celas havigi al siaj membroj, same al kurso-gvidantoj kaj komencantoj (fervojisto aŭ ne) diverslandajn korespondantojn laŭ iliaj deziroj. Ĉiu korespondemulo rajtas senpage enskribigi sin. Ĉiu persono, kiu deziras informojn aŭ ricevi adresojn, aldonu internacian respondkuponon (aŭ francajn poŝtmarkojn), por ĉiu dezirata korespondadreso, ĉar F.K.S. ricevas nenian subvencion. Tiuj, kiuj havas problemojn por akiri internacian respondkuponon, povas tamen aliĝi senpage al F.K.S.

Senhezite enskribigu vin ĉe:

Fervoja Koresponda Servo (F.K.S.):
nova adreso:
J. Demissy,
18 avenue du Lieutenant Bourguignon,
55600 Montmedy (Francio).

Indiku vian nomon, aĝon, adreson, en kiuj landoj vi deziras korespondant(in)ojn, kaj pri kiaj temoj k.t.p.

Ĉiu subskribint(in)o certigu respondi almenaŭ unu fojon!

## FERVOJAJ INFORMOJ

### SŽD - sovetaj fervojoj.

Ĉu vi scias, ke:

- longeco de fervoja reto en Sovetunio transpaŝis 138 mil km, t.e. 11 procentoj de la monda reto; longeco de fervoja reto en Usono havas ĉirkaŭ 350 mil km;

- la frajtaĵa transporto estas 6-7 pli granda ol en Usono kaj en okcidenta Eŭropo;

- en lastaj jaroj oni transportas pojare preskaŭ 3,5 miliardojn da vojaĝantoj; en Usono 300 milionojn da vojaĝantoj;

- en pasinta 5-jarplano oni konstruis 3600 km novajn fervojliniojn; 5 mil km estis duobligitaj kaj pli ol 5 mil km estis elektrigitaj;

- hodiaŭ estas en Sovetunio 39 mil km elektrigitaj fervojlinioj, kio signifas 1-a loko en la mondo;

- en la 10-a 5-jarplano oni konstruos en novaj industriaj regionoj 3 mil km da novaj fervojlinioj, precipe en la Siberio, en Malproksima Oriento kaj en la Nordo; plue 2800 km da aliaj fervojlinioj;

- oni enkondukas aŭtomatikajn sistemojn de la direktado de fervojtrafika reto kaj ankaŭ eĉ priservon de la vojaĝantoj.

Preparis, kompilis kaj tradukis laŭ artikoloj en "Sudbohemia fervojisto" n-ro 2/1977 kaj en "Teknika semajna gazeto" n-ro 24/1977

lvi.

---

## ANONCO

### PROVIZORAJ ADRESOJ DE TEĴA

Sendu viajn leterojn, demandojn kaj informojn al la jenaj adresoj:

1) al la prezidanto de TEĴA s-ro Olav Thormodsen, P.K. 59, Haugesund, Norvegio, kaj 2) al la vicprezidanto: redaktoro Ivan Keremidĉiev-Esperov, kv. Borovo, blok 219, vhod B, 1680 Sofio, Bulgario.

TEĴA = Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio.

---

## GRAVAJ ENHAVAĴOJ



---

La redaktofino por la venonta IF estas 20.9.1978

---

Grafika kaj teknika prizorgo: Esperanto-Centro Aarhus